# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

*Lingvoilo* *Google Translate* *Plena Ilustrita Vortaro*

**PLENUMITA 18/05/2017 Tricentdudekdua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povos meti siajn nomon, retadreson, kaj nomon de siaj lando kaj urbo al la ricevanta listo rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **850,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

**La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## KIEL EVITI LA NENECESAJN ANGLAJN PARTICIPOJN ?



Se vi skribos MORGAŬ la leteron, de komenco ĝis fino, ĉu vi povas diri:
"Mi morgaŭ ESTOS SKRIBANTA la leteron". ?
NE, ĉar "skribanta" signifas ke la ago ne estas finita, do ke vi estos en la nefinita procedo, skribi leteron, kaj eble ne finos ĝin.

Se la letero skribatos MORGAŬ de vi, de komenco ĝis fino, ĉu vi povas diri:
"La letero ESTOS morgaŭ SKRIBATA de mi". ?
NE, ĉar "skribata" signifas ke la ago ne estas finita, do ke ĝi estos en la nefinita procedo skribati de vi, kaj eble ne finatos.

Ĉu vi povas diri: "Mi estAS morgaŭ skribONTA la leteron"
aŭ "La letero estAS morgaŭ skribOTA de mi. ?
Teorie jes, sed pli bona, ĉar pli preciza pri la tempo, estas diri:
"Mi SKRIBOS morgaŭ la leteron" kaj "La letero SKRIBATOS morgaŭ de mi".

Se vi skribis HIERAŬ la leteron, de komenco ĝis fino, ĉu vi povas diri:
"Mi hieraŭ ESTIS SKRIBANTA la leteron". ?
NE, ĉar "skribanta" signifas ke la ago ne estas finita, do ke vi estis en la nefinita procedo, skribi leteron, kaj eble ne finis ĝin.

Se la letero skribatis HIERAŬ de vi, de komenco ĝis fino, ĉu vi povas diri:
"La letero ESTIS hieraŭ SKRIBATA de mi". ?
NE, ĉar "skribata" signifas ke la ago ne estas finita, do ke ĝi estis en la nefinita procedo skribati de vi, kaj eble ne finatis.

ĉu vi povas diri: "Mi estAS hieraŭ skribINTA la leteron"
aŭ "La letero estAS hieraŭ skribITA de mi. ?
Teorie jes, sed pli bona, ĉar pli preciza pri la tempo, estas diri:
"Mi SKRIBIS hieraŭ la leteron" kaj "La letero SKRIBATIS hieraŭ de mi".

Se vi skribas HODIAŬ la leteron, de komenco ĝis fino, ĉu vi povas diri:
"Mi hodiaŭ ESTAS SKRIBANTA la leteron". ?
NE, ĉar "skribanta" signifas ke la ago ne estas finita, do ke vi estas en la nefinita procedo, skribi leteron, kaj eble ne finas ĝin.
Se la letero skribatas HODIAŬ de vi, de komenco ĝis fino, ĉu vi povas diri:
"La letero ESTAS hodiaŭ SKRIBATA de mi", ?
NE, ĉar "skribata" signifas ke la ago ne estas finita, do ke ĝi estas en la nefinita procedo skribati de vi, kaj eble ne finatas.

Do se vi skribas hodiaŭ la tutan leteron, vi povas diri nur: "Mi SKRIBAS hodiaŭ la leteron" kaj "La letero SKRIBATAS hodiaŭ de mi".

Notu ke en "skribatas" kaj en "skribatis" kaj en "skribatos" la tempo de la pasiva ago indikatas per la "-as" kaj la "-is" kaj la "-os", kaj ke la sufikso "-at-" sekvata de verba finajo indikas nur la pasivecon, ne la tempon nek la nefinitecon.

*Marcel Leereveld*.





## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo
La 20a de Majo estos la tria Sabato. Venu!



*Mi ĉeestas tiun bonan Esperantan klubon kaj raportas al AE pri la klubo. Roger Springer*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.



## Bona rakonto kaj bona Esperanto

### Ĉapitro 1 Mia infanaĝo (5a parto)

Ĉar estis tro multekoste loĝi en la urbo de la reĝo, tiel oni nomis Kopenhagon tiam, kaj ankoraŭ, kvankam ne plu estas reĝo, sed reĝino en Danlando, ni estis devigataj foriri kamparen. Ni faris la malon al tio, kion faris siatempe la kamparanoj.

Mi memoras, ke ni alvenis, en la posttagmezo, al malnova bieno iom okcidente de Kopenhago. Ni enportis niajn malmultajn meblojn kaj aranĝis ilin en la sidoĉambro, sed la litojn ni devis meti en la dormoĉambron, kiu situis supre, en la unua etaĝo. Por atingi la supran etaĝon oni devis grimpi per ŝtupetaro simpla. Tion ni ĉiuj facile povis fari, tiam, ni ne povus hodiaŭ. Estis tamen ne tiom facile porti la litojn kaj ŝrankon supren. Miaj paĉjo kaj onklo Johano faris tion. Starante en la dormoĉambro mi povis vidi, tra la fendoj kaj krevaĵoj en la planko, miajn panjon kaj Gerda, kiuj staris malsupre en la sidoĉambro.

Venis Decembro kaj Kopenhago surmetis sur sin siajn plej belajn vestojn. Grandega kristnaskarbo staris sur la urbodoma placo, kaj ĉiuj grandmagazenoj brilegis per belegaj lumoj. La fenestroj de la vendejoj logis ne nur per lumoj, sed ankaŭ per kristnaskaj donacaĵoj kaj ludiloj. Promenis sur la stratoj kristnaskuloj, kaj rubaĵvendantoj kriegis reklamante siajn varojn.

Estis decidite, ke ankaŭ ni devus vidi tiun mirindaĵon. Do iun posttagmezon miaj panjo, Gerda, Børge, tiu estas mia du jarojn malpli aĝa frato, kaj mi eniris la grandan ruĝan buson, kiu veturos al Kopenhago. Ne kuniris mia paĉjo, kvankam li havis tempon, li estis ja senlabora. Ni do adiaŭis lin, kaj la buso foriris kun ni al Kopenhago. Tamen, kiam ni fine, iom poste, atingis la urboplacon, mi vidis, ke tie staras mia paĉjo atendante nin. En tiuj tagoj estis pli rapide iri per biciklo ol per buso. Ĉu ankoraŭ estas ? Sed mia paĉjo biciklis nur por ŝpari iom da mono !

Mi estis ravita de la belegaĵoj ĉirkaŭ mi. Precipe la neonlumoj interesis min, ĉar neniam antaŭe mi vidis tiom da lumo. Precipe sur la tegmento de tajlorvendejo estis iu tondilo, kiu fakte tondis. Sur la urboplaco mem staris la grandega kristnaska arbo, alta ĝis la ĉielo, aŭ almenaŭ preskaŭ tiom alta kiom la urbodoma turo. Sub la arbo sidis la gekristnaskuloj kun siaj infanoj, ĉiuj manĝantaj rizan kaĉon. Bele, eĉ tre belege !

*Daŭrigota* *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Whyalla Esperanto-grupo



De la naŭa ĝis la dekunua de Majo Trevor Steele gvidis grupon da esperantoj, entute estis ses lernantoj.
La grupo legis la novan romanon de Trevor Steele, “Amo Inter Ruinoj”.
La grupo ankaŭ lernis iom da gramatiko kaj verkis proprajn dialogojn.
Ni ĝuis krucvortenigmon.
Ni planos ke li revenos pli malfrue en la jaro.
Dankon Trevor. *Marja Nielsen*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# - Pli pri nomoj :



En la lasta AE Vera Payne iomete plendis pri sia nomo, sed jen mi donos 'bushplenon' pri *mia* nomo.
Nur dum 3 jaroj el miaj 75 j. mi loĝis en lando kie oni konis la nomon. Tio signifas ke dum mia vivo okazis multaj/tro da versioj de la nomo.

La familia nomo konsistis el 2 nomoj 'Beharry Lall' .Tio donis multe da konfuzoj ĉu meti sub B aŭ L. Do ni komencis meti dividostrekon inter ili sed, ĉar ofte personoj ne sciis kio signifis "hyphen" (Angle) ni decidis simple uzi unu vorton : Beharrylall.

Tamen sekvas kelkaj variaĵoj:
Kiam mi loĝis en Anglujo - Sino I.Ball, I.B Hall.
Ofte mi subite fariĝis viro - Sro I.B. Harry Lal
Mia mezlerneja diplomo diris Mr I.B. Lall. Foje mi ĉeestis gravan ĉefmanĝon kaj la nomŝildo diris Mr Omdramo Beari-Lyil ( ĉu mi?)
Ĉe mia laboro iu telefonis kaj volis paroli kun Sino Bellylow!
Kaj kiam mi telefone devas doni la nomon - Kio estas via nomo Indrani, ĉu antaŭ aŭ familia nomo? antaŭnomo , do kio estas la familia nomo Beharrylall. Ho Ve, kio denove la antaŭa nomo, ĉu vi povos literumi , ĉu d aŭ b...... 10 minutojn poste..

Kaj variaĵoj de mia antaŭnomo: Inni, Drani, Ingradi, Grany (mi estis 18),Andrina, ofte Indira,eĉ Outdrani ( male de *In*drani) kaj kaj.
Mi povus verki noveleton pri mia nomo.

Estis tiom multe da variaĵoj ke jam je la aĝo de 13, mi decidis: aŭ vi lernu Indrani aŭ simple diru .. vi!

Tamen ,malgraŭ ĉio tio, estas unu persono kiu donis al mi alian nomon kiun mi akceptas/ŝatas.
Tiu persono estas...........Vera P! *Indrani Beharrylall*



# Semajna raporto de Melburno



**LUNDA KUNVENO**
Lundon la 15an de Majo tri homoj kunvenis ĉe Ross House en la urbocentro.
**VENONTAJ KUNVENOJ**
Dimanĉon 21an de Majo je 15:00 Kunveno por komencantoj ĉe Cafe Beer Deluxe, Federation Square
Lundon 22an de Majo je 18:30 Lunda kunveno ĉe Ross House, 247 Flinders Lane
Sabaton 27an de Majo je 19:00 Ludvespero ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street
**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)
Meetup – 776 Instagram – 66
Facebook – 290 Telegram – 20
Twitter – 243 *Joanne Johns*

# FLAGOJ DE LA MONDO

Sendis *Esther Parris*

| Flago | Lando Ĉu vi konas la flagojn? |
|---|---|
| | Landnomo: Zimbabvo<br>Ĉefurbo: Harareo<br>Ŝtatestro: Robert Mugabe |
| | Landnomo: Kiribato<br>Ĉefurbo: Bairiko<br>Ŝtatestro: Taaneti Mamau |
| | Landnomo: Barato (Bharato aŭ Hinda Unio)<br>Ĉefurbo: Nov-Delhio<br>Ŝtatestro: Pranab Mukherjee |
| | Landnomo: Ganao<br>Ĉefurbo: Akrao<br>Ŝtatestro: John Dramani Mahama |
| | Landnomo: Danio (aŭ Danlando aŭ Danujo (oficiale Reĝlando Dani<br>Ĉefurbo: Kopenhago<br>Ŝtatestro: Margareta la 2-a |
| | Landnomo: Ĉilio<br>Ĉefurbo: Santiago de Ĉilio<br>Ŝtatestro: Michelle Bachelet |
| | Landnomo: Bosnio kaj Hercegovino (aŭ Bosnujo kaj Hercegovino)<br>Ĉefurbo: Sarajevo<br>Ŝtatestro: Mladen Ivanić |
| | Landnomo: Barejno (aŭ Reĝlando de Barejno)<br>Ĉefurbo: Manamo<br>Ŝtatestro: Hamad bin Isa Al Ĥalifa |
| | Landnomo: Albanio<br>Ĉefurbo: Tirana<br>Ŝtatestro: Bujar Nishani |
| | Landnomo: Burundo (aŭ Burundio)<br>Ĉefurbo: Buĵumburo<br>Ŝtatestro: Pierre Nkurunziza |

| Flago | Lando? |
|---|---|
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |



# KIEL MI NEINTENCE, SED BONSANCE, TROMPIS KELKIUJN.



Antaŭ la dua mondmilito, en la tridekaj jaroj de la antaŭa jarcento, mi estis membro KAJ de S.A.T., Sennacieca Asocio Tutmonda, KAJ de ne-Esperanta internacia Spartacus-Ligo, kiu lasta diskonigis politikan idealon baziĝantan sur la tezo de Karlo Marks, ke nova postkapitalisma socio bazita sur komunismaj principoj de socia egaleco povos ekesti nur se la laboristoj formas fabrikajn, kultivajn, kaj aliajn konsilantarojn kiuj daŭre ordonas al siaj reprezentantoj la manieron kiel voĉdoni en popolaj regadoj. Ĝi estis

revolucia movado en tiu senco, ke ĝi instigis la laboristojn ekposedi siajn laborejojn kaj estri ilin per siaj reprezentantoj kiuj ĉiutage povis direkti la laborejon kaj ĝian funkciadon. La ideojn jam vortigis Marx, sed precipe Rosa Luxemburg kaj Karl Liebknecht formulis la principojn, pro kio dekstraj militistoj murdis ilin.

Ili nomis sin komunistoj, poste konsilantarkomunistoj, kaj ili refutis la politikon de la normalaj komunistaj partioj kiuj volas kapti la nacian regadon kaj regi landon kiel politika partio. Ili grandskale propagandis ne nur kontraŭ la kapitalismo sed ankaŭ kontraŭ la komunistaj partioj kaj poste kontraŭ la rusa bolŝevismo de Lenin kaj de Stalin. Ili jam antaŭ Lenin sciis, ke tia komunistpartia registaro bolŝevisma kondukos al diktaturo ne de la proletaro, de la amasoj, sed de la komunista partio sub Lenin kaj sub Stalin. Do ne nur la germana, sed ankaŭ la rusa sekreta polico arde persekutis la precipajn ideologojn de tiu Spartacus-Bund, kiu havis aliajn nomojn en aliaj landoj. Unu tia estis Johann Appell kiu antaŭe, en 1920, sendatis de la hamburga komunista partio viziti Lenin por persvadi tiun, cetere vane, ŝanĝi la partian registaron en Rusujo al vera komunismo, regata de la laboristaj konsilantaroj (= sovetoj.) Poste li devis kaŝi sin en Amsterdamo, logante ĉe miaj gepatroj kaj daŭre aliaj simpatiantoj. Nur post la milito li povis malkaŝi sin kaj ricevis la nederlandan civitanecon. Aliaj verkantaj ideologoj estis profesoro Anton Pannekoek, kies libron "Antropogenezo" mi tradukis en Esperanton eldonata en Francujo, kaj profesoro Bruun van Albado, ankaŭ astronomo, kiu lernis la tutan Esperanton, "astronome", en unu sendorma nokto.

En 1936 mi instruis Esperanton al du aliaj Spartacus-membroj, kaj ni kvar decidis eldoni monatan dudekpaĝan gazeton, sub mia redaktado, por propagandi la veran marksismon. Estante membro de S.A.T., mi starigis SAT-frakcion kaj eldonis la gazeton nomitan "Klasbatalo" en la kadro de tiu SATfrakcio. Doni nomon al ĉi lasta estis malfacila, ĉar "Spartacus" kaj "Internaciaj Komunistoj" ne plu taŭgis. La aktuala estis "konsilantarkomunistoj", kies rusa traduko estas "sovetkomunistoj". Ni do elektis la pli mallongan "Sovetkomunista Frakcio en S.A.T.".

La ĉiumonata gazeto, tute en Esperanto, sendatis al ĉiuj landoj, kaj ankaŭ al rusaj Esperantistoj, kvankam duono de la enhavo funde kaj fajre kritikis la rusan sovetan ŝtaton de Lenin kaj poste Stalin. La rusaj cenzuristoj tamen, ne legante la enhavon sed vidante la titolon "Klasbatalo" organo de la sovetkomunista frakcio" ne cenzuris la gazeton kaj tralasis ĝin al la rusaj Esperantistoj. Tio okazis ankaŭ tuj post la milito, kaj kiam mi tiam vizitis bibliotekon en la tiam bolŝevista Hungarujo mi trovis la gazeton Klasbatalo en la Esperanta biblioteko.

Tiel, pro la nomo "soveta" por "konsilantara", mi dum pluraj jaroj neintence trompis Stalin kaj liajn cenzuristojn.

*Marcel Leereveld*.





**3ZZZ** Mi petas pardonon de la aŭskultantoj pro la fuŝaĵo je la komenco de la elsendo de la 15a de Majo. Se vi aŭskultas ĝin pere de la retejo de la radiostacio , antaŭen iru ĝis 6 minutoj post la kutima komenca horo. Tamen ĝi informos vin pri kiel la reklamoj trompas nin kaj firmaoj preferas gajni pli da mono ol protekti la sanon de la konsumantoj Franciska Toubale